# Esperanto Hamburg



Esperanto Hamburg e.V.

Septembro/Oktobro (4) 2013

# La nova administrejo por urba evoluo

## vid-al-vide de la ĝardena ekspozicio

Foto: HES-Fotokomunumo


**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:**
Esperanto Hamburg e. V.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
IBAN: DE51 4306 0967 2006 7165 00
BIC: GENODEM1GLS

**Prezidanto:**
*Jürgen Wulff*
Wandsbeker Chaussee 185b
22089 Hamburg
wulff@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 43188347
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

certe vi konstatis, ke tiu ĉi eldono de nia bulteno ne estas tiom ampleksa kiel kutime.
Kaŭzo por tio ne estas, ke mi ne scias temojn pri kiuj skribi. Bedaŭrinde mia sanstato estis tro malbona por okupiĝi pri serĉado de taŭgaj fotoj, kiujn mi kutime mem faras. Krome estis malfacile por mi koncentriĝi al tajpado ĉe la komputilo.
Nun mi faras ĉion pli malrapide ol antaŭe, kaj devas ankaŭ limigi miajn aktivaĵojn laŭ la eblecoj, kiujn permesas mia koro, kiu ne estas sufiĉe forta por elteni streĉiĝon.
Tamen mi deziras daŭrigi mian poresperantan laboron; nur foje iom malpli.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Esperanto Hamburg**

okazas en la

*Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

La plej grandaj malfacilaĵoj estas tie, kie ni serĉas ilin

*Goethe*

**Redaktofino**
**de n-ro 5/2013: 15-10-12**

**Redaktofino**
**de n-ro 1/2014: 15-01-14**

**Redaktofino**
**de n-ro 2/2014: 15-03-14**

# Komuna vizito al la Internacia Ĝardena Ekspozicio

La 4an de Aŭgusto membroj de nia klubo komune vizitis la Ĝardenan Ekspozicion en Wilhelmsburg. La fotojn, kiujn vi povas rigardi sur tiu paĝo estis faritaj de la HES-Fotokomuno, kie partoprenis Kerstin Baasch, Ralph Glomp, Pia Haasis, Philip Newton, K-A Bielenberg kaj Klaus Friese.














# Esperanto-kurso ĉe la Hamburga Universitato Nova AStA-kurso 2013

Peggy ofertas kurson lunde, de la 18a horo ĝis la 20a horo. Kiel kutime la tempo por aliĝi estas nur tre mallonga. Tio havas la sencon, ke interesitoj ne maltrafu la daton pro troa prokrasto.

**Jen la datoj laŭ la oficiala informo:**

07.10. **Anmeldebeginn** Kursteilnehmer*innen
14.10. Beginn Vorlesungszeit Uni Hamburg
18.10. **Anmeldeschluss** Kursteilnehmer*innen
21.10. **Kursstart**

Prelego de *Pia Haasis*,

la 7an de Novembro:

## Koncepto por la planado kaj organizado de komuna germana kaj eŭropa Esperanto kongreso en Hamburgo

Mi prezentos koncepton por la planado kaj organizado de komuna germana kaj europa Esperanto kongreso en Hamburgo. Mi ellaboris tion cxi koncepton dum tri-monata kurso pri projektmanagxado. Tiu cxi koncepto estis parto de la ekzameno. Cxar mi faris la ekzameno por komencantoj mi povis elekti temon. Mi sukcese partoprenis la ekzamenon kaj pretas meti tion koncepton je la dispono de Esperanto Hamburg.

---

## Oficiale registrita nomo: Esperanto Hamburg

La juĝejo por asocioj konfirmis al ni, ke nun la nomo Esperanto Hambuzrg e.V. kaj la nova statuto estas oficiale registritaj, do la nomo **Esperanto-Verein Hamburg e.V.** ne plu ekzistas.

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St. Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg (Tio ne estas nia poŝta adreso!)
19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

## Septembro

**5** *Dominik Grauert:*
**Reviviga kurso**

**8** (Dimanĉo) **Haus-, Garten- und Hoffest im Kulturladen St. Georg**
(12:30 – 13:00 preparaj laboroj)

**12** **UK en Rekjaviko:**
Partoprenintoj raportas

**19** **Aĥ, vi verda naŭo!**
Sensensaĵo el germanaj frazoj.
Legu, komprenu, ridu kaj transprenu al bona Esperanto.

**25** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**26** *Kerstin Baasch:* **Komuna laboro por nia Esperanto-biblioteko**

---

## Oktobro

**3** pro festotago
**Ne okazas klubvespero**

**10** *Klaus Friese:*
**Google-Earth**

**17** *Carsten, Dominik, Philip* kaj *Alex*
**raportas pri la SES**
(Somera Esperanta Studado en Martin, SK)

**23** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**24** *Sylwia Pöhlmann:*
**Bjalistoko - ĉu problema urbo?**
Informoj kaj diskutrondo

**31** Filmo: **Atako de la Lunaj Zombioj**

---

## Novembro

**7** *Pia Haasis:* **Konzept für einen Esperanto-Europa-Kongress**

**14** *Dominik Grauert:* **TOKIPONA** –
La simpla lingvo



La 13an de Septembro 2013
la nova **Administrejo por Urba Evoluo**
estos malfermita por la ĝenerala publiko.
(apud la S-stacio Wilhelmsburg kaj **IGS**)

## Preĝomato

Germane la nomo estas Gebetomat, kiun elpensis la artisto *Oliver Sturm*. En ĝi eblas aŭskulti 300 preĝojn laŭ budhisma, hinduisma, islama, juda kaj kristana maniero, en 65 lingvoj.
Ek de 2008 ĝi estis prezentita en Berlin, Frankfurt, Karlsruhe kaj Baden-Baden.




Foto: Vikipedio

## EM-teknologio en ceramiko

En la jaro 1982 la japana profesoro *d-ro Teruo Higa* konstatis, ke insulanoj de Okinavo vivas pli longe. La altkvalita agrogrundo tie enhavas *efektivajn mikroorganismojn* (EM), kiuj laŭ lia opinio estas la kaŭzo por tio. Do fruktodona agrokulturado bezonas specialajn mikrobojn en la agrogrundo kiuj en la korpoj de bestoj kaj homoj bonefikas en la nutraĵĉeno. Aliflanke intensa agrokulturado en la mondo kaŭzas malbonigon de la agrogrundo.
Iuj ceramikistoj produktas ceramikaĵojn en formo de tubetoj. La efektivaj mikroorganismoj per la brulproceso estas enbruligitaj por ĉiam. Oni uzas ilin por plibonigi la kvaliton de trainkaĵoj, ekzemple akvo, suko aŭ vino. Oni metas plurajn tubetojn en iun ajn ujon kun trinkaĵo. La ceramiko transdonas la EM-efikon al la trinkaĵo, kiu post 30-minuta restado estas preta por ĝui. Ju pli longe la ceramiko restas en la trinkaĵo, des pli bone. La EM-trinkaĵo fariĝas pli mola kaj estas agrabla ĝuo.
Nuntempe ceramikistoj produktas ceramikajn kruĉojn, pelvetojn kaj aliajn ujojn, tute en la tekniko de EM-ceramiko, por kiuj oni ne plu bezonas la EM-tubetojn.

Rainer Haupt

EM-Fachgeschäft, Wiesendamm 113, em-hamburg.de
Uta Vedova, Moorburger Kirchdeich 28, em-keramik-vedova.de




## SES 2013 en Martin (SK)

Ĝis nun lasta Somera Esperanto-Studado okazis de la 12-a ĝis la 20-a de julio 2013 en Martin (Slovakio). Partoprenis ĝin 230 personoj el 27 landoj.
Instruis *Stano Marček, Zlatko Tišljar, Christophe Chazarein, Birke Dockhorn, Johannes Mueller, Przemysław Wierzbowski, Szabolcs Szilva, Tim Morley, Konstantin Tiĥomirov, Bertilo Wennergren* kaj *Irina Gonĉarova*. Kadre de la kultura programo koncertis *La Perdita Generacio, Asorti, Manŭel, Johannes Mueller, ĴeLe, Jonny M* kaj *Peter Bažík & S.H.O.P.*
Ankaŭ *Carsten Schnathorst* povis prezenti sian muzikan talenton. *Dominik Grauert* akompanis nian blindan membron dum la vojaĝo. *Carsten* lernis multon en la lingvo – kaj ankaŭ trovis internaciajn amikojn.




**Tiom multaj homoj en unu foto ...**




**La Hamburgano Carsten Schnathorst sur la scenejo dum la SES** (en la foto meze) .